WIKIPEDIA

# Miranda lingvo

**Miranda lingvo** (propralingve *mirandés*) estas minoritata latinida lingvo parolata en Portugalio, kiu estas dua oficiala lingvo. Oni uzas ĝin ĉe la landlimo inter Portugalio kaj Hispanio, en komunumo Miranda do Douro, en tri vilaĝoj de komunumo Vimioso kaj kelkaj vilaĝetoj en komunumoj Mogadouro, Macedo de Cavaleiros kaj Bragança. Ĉirkaŭ 15 mil homoj parolas la lingvon en 484 km². Preskaŭ ĉiuj ĝiaj uzantoj estas dulingvaj (miranda-portugala).

ISO-lingvokodo :

| | |
|---|---|
| 639-1 = | mankas |
| 639-3 = | **mwl** |

Nur en 1882 José Leite de Vasconcelos demonstris ke la miranda estas memstara lingvo, kaj ne simpla dialekto de la portugala. La miranda estas tre simila al la portugala.

**Miranda lingvo** havas tri dialektojn: mirandês central (norma), raiano (norda) kaj sendinês (sude).

Hodiaŭ, la kultura premo de la portugala kaj de la hispana lingvoj pereigas la mirandan, malgraŭ la leĝaj protektoj.

## Ekzemplo

*L mirandés ye ua lhéngua falada ne l stremo nordeste de Pertual, na frunteira cun Spanha, nua region que ten al redor de 450 (quatro cientos i cinquenta) km², formada por quaije to l cunceilho de Miranda de l Douro , i por alguas aldés de l cunceilho de Bomioso, ne l çtrito de Bregança, region de Trás-ls-Montes. Stima-se que haba acerca 15.000.*

**Traduko**: La miranda estas lingvo parolata en la ekstremo norda de Portugalio, en la landlimo kun Hispanio, en regiono, kiu havas ĉirkaŭ 450 (kvarcent kvindek) km², konsistanta preskaŭ tute el la komunumo de *Miranda de l Douro*, kaj de kelkaj vilaĝetoj de la komunumo de *Bomioso*, en la distrikto *Bregança*, regiono *Trás-ls-Montes*. Oni kalkulas, ke estas ĉirkaŭ 15.000 parolantoj.

## Eksteraj ligiloj

Ekde 12.08.2009 ekzistas Vikipedio en miranda lingvo (https://mwl.wikipedia.org).

(portugala) Colóquio Internacional sobre Ecolinguismo e Línguas Minoritárias (http://cllc.web.ua.pt/vl/sites/default/files/Ecolinguismo_LivroResumos_final.pdf) (bitlibreto 'Kolokvo internacia pri ekolingvistiko kaj minoritataj lingvoj), PDF)

(portugala) Lhéngua i cultura mirandesa (http://www.mirandes.net/)

Elŝutita el "https://eo.wikipedia.org/w/index.php?title=Miranda_lingvo&oldid=6471225"

**Ĉi tiu paĝo estis lastafoje redaktita je 22:27, 26 nov. 2018.**

La teksto disponeblas laŭ la permesilo Krea Komunaĵo Atribuite-Samkondiĉe 3.0 Neadaptita; eble aldonaj kondiĉoj aplikeblas. Vidu la uzkondiĉojn por detaloj.